Speciala eldono, sen-numera. Novembro 1930.

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.

## Forte ni staru!

Forte ni staru! Tiuj vortoj de D-ro Zamenhof sonas kiel kuraĝigilo kaj avertilo al ni ĉiuj. Nia movado eniras en novan epokon. En la nordaj eŭropaj landoj nia fervora komitatano Andreo Ce organizas vastan apostoladon por kaj per instruado. En aliaj regionoj de la mondo niaj amikoj ankaŭ preparas viglan antaŭenpuŝon. Al tiu paca almilito ĉiuj devas helpi.

Nun estas la momento montri la solidarecon de nia granda familio. En ĉefaj eŭropaj landoj, eĉ en Usono, ekonomia krizo fariĝas akra kaj senigas multajn je sia vivrimedo. Ni antaŭvidas malfacilan tempon dum unu aŭ du jaroj, ĝuste kiam ni bezonas la fortojn por agado. Legu la artikolon de la Direktoro de l'Centra Oficejo sur la dua paĝo.

Necesas transpasi tiun krizon sen katastrofo. Necesas firme teni la bazon kaj tranaĝi la riveron sen drono por atingi la alian bordon kaj daŭrigi la kuradon.

Nia movado bazas sur du ĉefaĵoj : La Fundamento de la lingvo kaj la jarlibro de UEA. Unu necesas por lerni la lingvon kaj la alia por ĝin uzi. Ĉu vi foje pensas al la pacienca laborado necesa ĉiujare por kolekti, korekti, ordigi kaj publikigi la adresojn de ĉiuj niaj Delegitoj kaj organizaĵoj, senĉese kun ŝanĝoj? Ĉu vi foje pensas pri la sumo de personaj servoj farataj bonvole de tiuj Delegitoj tra la tuta mondo?

Kune kun la genia simpleco de nia lingvo tio faras ĝian vivantan valoron. Por ĉio ajn, kion ni konstruas ni bezonas ambaŭ fundamentojn kaj ni devas ili forte teni.

« *Unu por ĉiuj, ĉiuj por unu* », jen la senco de la vera solidareco. Se do iuj el ni suferas pro la ekonomia krizo, estas la devo de ni, la ceteraj, anstataŭi ilin dum la malfacila epoko. Eble ili faros iam al ni la samon, kiam ni suferos. Ni reciproke portu niajn ŝarĝojn! Jen la efektiva amikeco.

UEA ricevis kortuŝajn leterojn de fidelaj samideanoj, kiuj ne povas pagi tiun ĉi jaron la kutiman kotizon. Ili scias, ke ĝuste tiuj ne-repagoj estas la ĉefa barilo sur la vojo de granda Asocio. Ĝi haltigas la radojn por riparo, kiam oni ŝatus antaŭenmarŝi.

Nu, ekzistas multaj inter ni, kiuj povas preni sur sin la kotizon de unu membro-kolego dum malfacila epoko. Jen solidareca konduto. Jam kelkaj tion proponis kaj faris mem.

Aliaj membrigas la edzinon aŭ familianojn por helpi tiamaniere. Aliaj fariĝas Membro-Subtenantoj, la plej efika helpmaniero. Pripensu tion, kion vi mem povas fari. Varbu por UEA, sed ne forgesu mem repagi vian kotizon. Tio estas la unua ĉefa helpo al la komuna bezonata bazo.

*Forte ni staru por ebligi la venkon!*

# UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

## Fino de l'jaro 1930 - Aspekto de la nova jaro.

Kun granda zorgo ni finis la administran jaron 1929 kaj antaŭvidis por 1930 gravajn malhelpojn. La ekonomia krizo en ĉiuj landoj pliakrigas la situacion por multaj kaj suferas precipe la sociaj klasoj de kiuj dependas nia movado. La nuna krizo, similanta al veneno malrapide efikanta, atingas sinsekve ĉiujn landojn. Tio nete influis por 1930 la varbadon de *novaj* anoj, dume la revarbado de la antaŭa membraro estis normala. Ankoraŭ ni ne posedas finciferon de la 22a administra jaro (1930) finiĝinta 31. Oktobro, sed la fakto restas ke UEA suferas malkreskon. Precizan ciferon ni konigos post fino de la bilanco. La jara perdo de membroj estas inter 20-25% kontraŭ la finstato je 31. Oktobro 1929. Tiu ĉi perdo estas normala kaj niaj sistemaj esploroj ĉe aliaj societoj internaciaj kun sama strukturo, ne montras ke UEA estas en pli malfavora situacio. Ni ankaŭ esploris la kaŭzojn de tiu ĉi perdo. Estas tre variaj : Monmanko, perdo de intereso, momenta laceco, teknika neebleco enkasigi per simpla maniero. Regule la perdo estis egaligita per la varbado de novaj anoj, tiel ke fakte UEA konservis pli malpli la saman nombron de pagintaj anoj. (1926 : 8687 ; 1927 : 9100 ; 1928 : 9095 ; 1929 : 9185). Meza nombro de lastaj kvar jaroj do estus proksimume 9000 anoj). Malgraŭ plej intensa klopodo de multaj delegitoj la perdo en 1930 ne povis esti egaligita kaj la malkresko senteble influas nian budĝeton. Ni konstatu tion kaj ni serĉu eviti ripeton de tiu dolo riga fakto por la jaro venanta, 1931. Ni faris ĉion eblan po regajni kiom eble plej multe el la membraro 1929. Sed ekzista certa punkto ne transirebla. Eble interesas vin kelkaj cifer pri la repago de la kotizoj. Sekvanta listo starigita je fino d Aŭgusto 1930 montras laŭprocente la *ne-repagon* laŭland Plej favore estas Britlando kun nur dekunu procento de perd Se tio povus esti la normo, la estraro de UEA estus plene ko tenta.

Ekkoninte la malbonon ni devas serĉi eviti ĝin por la e tonto. Ni petas vin Membroj kaj Delegitoj de UEA, ne forge sub la impreso de la malfavoraj cirkonstancoj vian Asocio UEA, la Centron de la internacia uzado de nia lingvo, la mez rilo de la vera forto de Esperanto. Nia pasintjara batalkrio esti

10000 *anoj kaj* 2000 *lokoj kun Delegitoj.* Ni tion ne ating en 1930. Kiel Esperantistoj, ni esperas, kaj kiel aktivuloj klopodas. Se ne en 1930, ni tiam certe en 1931 alproksimiĝ nian celon. La estraro de UEA kore dankas vin por via fidele kaj plezure akceptas vian re-aliĝon por 1931. Kiel ĉiam, be premio de frupago ĝojigos vin.

Kun samideanaj salutoj
Universala Esperanto-Asocio
Centra Oficejo.

## Statistiko pri nepago 1930

| Lando aŭ Ŝtato | Stato 1929 UEA havis membrojn : | Mortis 1930 | Ne pagis por 1930 | kalkulo de la Laŭprocenta nepagintoj : |
|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | 326 | 1 | 90 | 28 % |
| Belgujo | 314 | — | 64 | 20 |
| Britlando | 702 | 8 | 80 | 11 |
| Bulgarujo | 191 | 1 | 64 | 33 |
| Ĉeĥoslovakio | 1337 | 9 | 254 | 19 |
| Danlando | 82 | — | 16 | 19 |
| Danzig | 16 | — | 4 | 25 |
| Estonio | 63 | — | 9 | 14 |
| Finlando | 152 | 1 | 66 | 43 |
| Francujo | 625 | 7 | 82 | 13 |
| Germanujo | 1496 | 9 | 241 | 17 |
| Greklando | 21 | — | 11 | 52 |
| Hispanujo | 321 | — | 73 | 23 |
| Hungarujo | 120 | — | 34 | 28 |
| Irlando | 14 | — | — | — |
| Islando | 7 | — | — | — |
| Italujo | 265 | 1 | 36 | 13 |
| Jugoslavio | 145 | — | 55 | 38 |
| Latvujo | 61 | — | 16 | 26 |
| Litovujo | 43 | — | 9 | 20 |
| Nederlando | 457 | — | 64 | 14 |
| Norvegujo | 45 | — | 10 | 22 |
| Polujo | 422 | 1 | 163 | 38 |
| Portugalo | 20 | — | 2 | 10 |
| Rumanujo | 268 | — | 140 | 52 |
| Saarlando | 40 | — | 11 | 27 |
| Sovetio | 23 | — | 5 | 21 |
| Svedlando | 260 | 1 | 70 | 26 |
| Svislando | 256 | — | 37 | 14 |
| Afriko | 53 | — | 20 | 37 |
| Kanado | 34 | — | 13 | 38 |
| Usono | 551 | 5 | 203 | 37 |
| Centra Ameriko | 38 | — | 18 | 47 |
| Suda Ameriko | 105 | — | 30 | 28 |
| Azio | 260 | — | 104 | 40 |
| Australio | 142 | — | 36 | 25 |
| Stato 1929 : | 9185 | 44 | ne pagis por 1930 2130 | Meze : 23 % |

# Premio por plifrua pago de la kotizo 1931.

Regulo : Ĉiu ano de UEA, malnova kiu re-aliĝas aŭ nova, rajtas elekti unu libropremion, kondiĉe ke la kotizo atingis la Centran Oficejon, Ĉefdelegiton aŭ peranton ĝis la 31a de

JANUARO 1931.

1. *D-ro Edmond Privat : Esprimo de Sentoj en Esperanto.* Resumo de kurso farita ĉa la universitato de Genevo, en la lingvoscienca fako de la Beletristika Fakultato dum 1929 kaj 1930. Elegante presita libreto, 60 paĝoj, 17-12 cm. (Serio de UEA).

2. *D-ro Ad. Ferrière : Estonta Eduko.* Interesa kaj konvinkiga pledo por transformo de la nuna lerneja sistemo. Ne teda teksto sed viva legaĵo, tute ne banala aŭ supraĵa. Elegante aranĝita, 17 x 12 cm., 72 paĝoj, bela preso.

3. *Waldemar Bonsels : Ŝolandro.* Traduko el verkaro de plej legata germana aŭtoro. (Trad. D-ro Sós) 48 p., 20 x 14 cm.

4. *Julio Baghy : Pilgrimo.* Poemaro. Kun bildo de la ŝatata aŭtoro. 124 p., 16-12 cm.

5. *Julio Baghy : Dancu, Marionetoj.* Novelaro. 174 p., 16-12 cm.

6. *C. Walter : Gajaj horoj* por Esperantistoj. Elektitaj spritaĵoj, bonhumoraj anekdotoj, enigmoj, ŝercdemandoj, amuzaj preseraroj, esp. vortludoj. 56 p. Unu insignon de UEA.

7. *Raymond Schwartz :Verdkata Testamento.* Tiu ĉi libro de 124 paĝoj, 17 x 12 cm., tute ne bezonas klarigon aŭ rekomendon. Kiu ŝatas ridi, tiu nepre elektu tiun libron.

8. *Maŭro Jokai: La edzino de l'falinto, Pola Rakonto.* Du noveloj de l'fama hungara verkisto. 93 paĝoj, 18,5 x 13,5 cm.

9. *Arnold Bennett : Ok noveloj el « La Mataforo de la 5 urboj ».* Tradukis el angla lingvo Alfred E. Wackrill. 124 p., 18,5 x 12,5 cm.

10. *Margaret Catty : Alegorioj el la Naturo.* Tradukis el angla lingvo George Gordon. 66 p., 18,5 x 12,5 cm.

11. *D-ro L. L. Zamenhof : Fundamento de Esperanto.* Eldono kvinlingva. 182 p., 18 x 12 cm.

12. *Lingvaj Respondoj. Plena kolekto.* 90 paĝoj. 21 x 15 cm. Kun letero pri la deveno de l'Esperanto.

# Premio por varbado de novaj membroj.

UEA vivas el la kotizoj de la membroj. Ĝi ne gajnas monon el fabrikado aŭ komerco. Sekve necesas konstanta kaj daŭra prilaboro de la varbeblaj personoj. Por kuraĝigi la varbantojn, la Asocio konsentas premion konsistantan el libroj. Ni ĝojas ke ni povas konsenti la jenajn premiojn por varbado dum 1931 kaj forte esperas ke multaj profitos de tiu ĉi okazo havigi al si valoran literaturaĵon.

Oni povas elekti por varbado de

M e m b r o (M)

*Unu numeron (libro)* el la listo

de la premioj por frupago

(unu Membro = unu libro)

POR NOVA MEMBRO-ABONANTO :

I. *Ŝlosilaro de Esperanto.*

Kompleta kolekto de la ŝlosiloj de Esperanto, eldonitaj sub la zorgo de la Internacia Centra Komitato. Interesa propagandilo por elmontri kaj dokumenti nian klopodadon en ĉiuj landoj. La premio konsistas do el ŝlosiloj : Albana, Franca, Germana, Hispana, Itala, Juda, Latva, Litova, Nederlanda, Pola, Rumana, Slovaka, Slovena kaj Sveda.

II. *Kreuz kaj Mazzolini : Komerca Vortaro.*

Formato de la Jarlibro de UEA, bindita. Enhavas alfabete ordigita pli ol mil komercajn esprimojn en Esperanto kun difino.

III. *Dreves Uitterdijk : Miraklaj Aventuroj de Sinjoro Longkrurulo.*

Mil versoj en 162 strofoj kun 152 desegnaĵoj. Mirakla kaj amuza historio por junuloj kaj maljunuloj.

IV. *Du numeroj* el la listo de premioj por frupago.

POR NOVA SUBTENANTO :

1. *Vortoj de Profesoro Cart.* Kun portreto kaj epilogo de l'eminenta defendanto de la lingva unueco. Bele presita libro kun rimarkindaj artikoloj. 140 paĝoj. 18,5 x 13,5 cm.

2. *Hector Hodler : Lia vivo kaj lia verko.* Biografio pri la kunfondinto de UEA kun elekto el la plej bonaj artikoloj de li verkitaj en ESPERANTO. Eleganta libro 17 x 12 cm., 168 paĝoj, bele presita kun desegnaĵo kaj reprodukto de manskribo.

3. *Raymond Schwartz : Anni kaj Montmartre.* Romano el la vivo en Parizo. Kun desegnaĵoj de Raymond Laval. 120 p., 16,5 x 12,5 cm.

4. *Kvar numeroj* el la listo de la premioj por frupago.

# Premio por Subtenanto.

Samideano kiu deziras helpi al la Asocio kaj samtempe akiri belan verkon el nia literaturo, faros tian plej bone, aliĝante kiel Membro-Subtenanto. La kotizo estas 25 Frk. sv. kun rilataj prezoj en ne-svisa valuto. La nunjara kolekto distingiĝas per varieco kaj riĉeco kaj ni ne dubas ke multaj samideanoj profitos de tiu ĉi favoro.

I. *Bibliografio de Internacia lingvo.*

Plej granda kaj ampleksa dokumento pri la scienco de la internacia lingvo kun grafikoj, skemoj, portretoj. Citas 7000 verkojn de 2000 aŭtoroj pri la problemo de la internacia lingvo, por kaj kontraŭ la diversaj sistemoj de lingvo internacia. 560 grandformataj paĝoj. Por subtenantoj de UEA speciale bindita.

II. *Belga Antologio.*

Parto Franca kaj parto Flandra. Du volumoj kune formantaj 600 paĝojn da presita teksto. Post la Kataluna Antologio plej rimarkinda verko en tiu speco. Plie unu ekzempleron de la fame konata verko de *Fruictier: Kompleta gramatiko kaj vortfarado de Esperanto,* ĉ. 200 p. Tiuj tri volumoj, kiuj kune formas ĉ. 800 paĝojn da teksto estas unu premio.

III. *Fabiola.*

Fama romano el la unua epoko de la kristanismo, verkita de Kardinalo Wiseman kaj tradukita de Ramo. 436 paĝoj 18 cm alta 14 cm larĝa, bele presita ĉe Centra Presejo Esperantista, kun aro da bildoj.

IV. *La Sankta Biblio en Esperanto.*

Eldonita de la Brita kaj eksterlanda Biblia Societo. Eldono en imitaĵo pergamena, silka papero tre maldika, orumita. Plie unu ekzempleron de la broŝuro « La evangelio en multaj lingvoj » kun 500 specimenoj de lingvoj kaj skriboj en kiu eldoniĝis la Biblio. Modelo de difinita teksto kelklinia. (Eldono en angla aŭ germana lingvo por la alfabeta vico de la modeloj. Unika libreto de 80 paĝoj.)

V. *D-ro Edm. Privat : « Esprimo de Sentoj en Esperanto.*
Resumo de kurso farita ĉe la Universitato de Genevo. Bindita, sur luksa papero, kun aŭtora subskribo.

VI. *Edm. Privat : Historio de la lingvo Esperanto.*

Unua volumo : Deveno kaj komenco, 1887-1900.
Dua volumo : La Movado, 1900-1927.
Ambaŭ lukse binditaj 74 kaj 199 paĝoj da teksto. Kun subskribo de la verkinto.

VII. *Julio Baghy : Verkaro.*

Konsistanta el 5 libroj kune formantaj preskaŭ 900 paĝojn da teksto, vera ornamo de ĉiu biblioteko, inda donaco al honorenda samideano. (Pilgrimo/Dancu Marionetoj/Migranta Plumo/Viktimoj/Hura.) Belega ne superebla premio laŭ ĉiuj vidpunktoj. *Malofta okazo.*

VIII. *Hendrik Ibsen : Imperiestro kaj Galileano.*

Mondhistoria teatraĵo. Tradukita de H. J. Bulthuis, L. K. Broŝurita ekzemplero. Bonaspekta libro. Plie unu ekzempleron de Kompleta Gramatiko kaj vortfarado, de Fruictier.

IX. *Hendrik Conscience : La Leono de Flandrujo.*

Ĉefverko de flandra literaturo. Majstre tradukis H. J. Bulthuis, L. K. Broŝurita eldono. Unu ekzempleron Belga Antologia, Flandra parto. TRE ALLOGA PREMIO.

X. *Tuta Kolekto de ĉiuj premioj por frupago.* (Vidu la tabelon).
12 diversaj libroj de malsamaj aŭtoroj, kune pli ol 1000 paĝoj da teksto.

# TABELO DE LA KOTIZOJ

## por Jaro 1931.

| Landoj | Mono | Kotizoj M | MA | MS | MD | Pagmaniero : ĉefdelegito, poŝtĉeko, k.t.p. |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Albanio | Lek. | 5 | 12.50 | 25.— | 300.— | Rekte al C.O. Ĉeko, bankbiletoj. |
| Argentino | Peso | 2.50 | 6.25 | 12.50 | 140.— | Rekte al C.O. Ĉeko, poŝtmandato, Bankbiletoj. |
| Aŭstralio | Ŝil | 4 | 10.- | 20.— | 240.— | Rekte al C.O. Ĉeko, poŝtmandato, Bankbiletoj. |
| Aŭstrio | Ŝil. | 5 | 12.50 | 35.— | 400.— | ĈD : E. G. Bernfeld, Czerninplatz, 5-14, Wien II. Postsparkassenkonto Wien 3733. |
| Belgujo | Fr. | 16 | 40.— | 175.— | 2000.— | ĈD : Frans Schoofs, 11, Kl. Hondstraat, Antverpeno. Poŝtĉeko : Bruselo 284.20. |
| Brazilo | Milr. | 5 | 12.50 | Laŭ svisa tarifo. | | ĈD : D-ro C. Domingues, Praça 15 Nov. 101-2° R.d.Janeiro |
| Britujo | Ŝil. | 4 | 10.— | 20.— | 250.— | Sekr.: C.C. Goldsmith, 142, High Holborn, London W.C. 1 |
| Bulgarujo | Lev. | 80 | 200.— | 600.— | 8000.— | Peranto : R. K. Triĉkoff, Ul. Knjaĵevska 76, Vraca. |
| Ĉeĥoslov. | Kĉ. | 25 | 50.— | 160.— | 2000.— | ĈD : O. Sklenĉka, Hradec-Kralové 628a. Poŝtĉeka konto : Praha 4082 de Zivnostenská banka, Hradec-Kralové. |
| Ĉinujo | Arĝ.Dol | 1.50 | 4. | 10.— | — | Rekte al C.O. Poŝtmandato, ĉeko. |
| Danlando | Kr. | 4 | 10.— | 20.— | 220.— | Rekte al C.O. Poŝtmandato, bankbiletoj, ĉeko. |
| Danzig | Guld. | 5 | 12.50 | 25.— | 300.— | Rekte al C.O. Poŝtmandato, bankbiletoj, ĉeko. |
| Estonio | Kr. | 2 | 5.— | 18.— | 220.— | ĈD : F-ino Hilmi Dresen, poŝtkesto 6, Tallinn. |
| Finnlando | Fmk. | 30 | 75.— | 200.— | 2300.— | Sekr. : O. Laukkanen. Esperanto, Kluuvikatu 7. Helsinki. |
| Francujo | Fr. | 16 | 40.— | 125.— | 1500.— | Rekte al C.O. Poŝtĉeko : Lyon 221.76. |
| Germanujo | Rm. | 4 | 10.— | 20.— | 240.— | Peranto : Fritz Rockmann, Alter Markt 16-2, Magdeburg. Poŝtĉeko : Magdeburg 15601 |
| Greklando | Dr. | 50 | 120.— | 400.— | 4500.— | Rekte al C.O. Ĉeko, bankbiletoj. |
| Hispanujo | Pes. | 6 | 15.— | 45.— | — | Rekte al C.O. Ĉeko, bankbiletoj, Poŝtmandato. |
| Hungarujo | Peng. | 5 | 12.50 | 25.— | 330.— | ĈD : P. Balkanyi, Hajos u. 15, Budapest VI. |
| Irlando | Ŝil. | 4 | 10.— | 20.— | 240.— | Sekr.: C.C. Goldsmith, 142, High Holborn, London W.C. 1 |
| Islando | Kr. | 4 | 10.— | 20.— | 220.— | Rekte al C.O. Poŝtmandato, ĉeko, Bankbiletoj. |
| Italujo | L. | 12 | 30.— | 90.— | 1100.— | Rekte al C.O. Poŝtĉeko Milano : 3-327. |
| Japanujo | Jen. | 2 | 5.— | 10.- | 120.— | Rekte al C.O. Poŝtmandato, Ĉeko. |
| Jugoslavio | Din. | 40 | 100. | 280.— | 3200.— | Rekte al C.O. Poŝtĉekkonto Zagreb 40759. |
| Latvujo | Lat. | 4 | 10.— | 25.— | 300.— | ĈD : T. Indra. Pasta kaste 475. Poŝtĉekkonto 7, Riga. |
| Litovujo | Lit. | 8 | 20. | 50.— | 600.— | Rekte al C.O. Poŝtmandato, Bankbiletoj. |
| Nederlando | G. | 2.50 | 6.25 | 12.50 | 150.— | ĈD : Ir. M. F. Onnen, Nachtegaallaan, 6, Hago. Postrekening n. 1168.63, 's Gravenhage. |
| Norvegujo | Kr. | 4 | 10.— | 20.— | 220.— | Rekte al C.O. Poŝtmandato, bankbiletoj, ĉeko. |
| Polujo | Zlot. | 6 | 15.— | 45.— | 500.— | ĈD : J. Ŝapiro, Lipowa 33, Bialystok. P.K.O. Warszawa 60.047. |
| Portugal | Esk. | 12 | 30.— | 100.— | 1200.— | Rekte al C.O. Bankbiletoj, ĉeko. |
| Rumanujo | Lej | 100 | 250.— | 800.— | 10 mil. | Sekr. : F-ino E., Morariu, Str. G-l. Grigorescu 55-57, Cluj. |
| Sovetio | Rubl. | 2 | 5.— | 10.— | -- | Sovetiaj bankbiletoj ne akceptataj. |
| Svedlando | Kr. | 4 | 10.— | 20.— | 220.— | ĈD : Ad. Larson, Drömstigen, 43, Appelviken. Poŝtĉeka konto : 2952. |
| Svislando | Fr. | 5 | 12.50 | 25.— | 300.— | Poŝtĉeko Genève I. 2310. |
| Turkujo | Piastr. | 120 | 300.— | 1000.— | 100 L. | Rekte al C.O. Ĉeko, bankbiletoj. |
| Usono, Kanado, Kubo | Dol. | 1 | 2.50 | 5.— | 60.— | Sekr. : Universal Esperanto-Association, National Secretary, 109, Fordham Drive, Buffalo, N. Y. (Por USA kaj Kanado). |

*Generala rimarko.* — Favorprezojn rajtas anoj en tiuj landoj kie la vivkosto senteble diferencas de la monda prezo. Principo por la fiksado estas certa minimumo, nepre necesa por ne perdi monon je la kruda kosto de niaj liverotaĵoj. La favorprezoj do rilatas nur al la kotizoj kaj ne por anoncoj en gazeto ESPERANTO, en la Jarlibro, por insignoj kaj aliaj objektoj.

*Pagmaniero :* Membro pagu al Delegito, Delegito al Teritoria Oficejo kaj kie ne estas al la Centra Oficejo laŭ la maniero montrita. Membro en loko kie ne estas Delegito pagu aŭ al la ĉefdelegito aŭ al la Centra Oficejo.

Pri la depreno valoras la reguloj de la Stat. Art. 22 kaj la kondiĉoj por Teritoria Organizo.

Esperanto Jg 26 sen numero

## ALIĜILO

Bonvolu akcepti mian aliĝon al la UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO kiel
Membro/Membro-Abonanto/Membro-Subtenanto
Dumviv Membro

laŭ la kondiĉoj montritaj. Mi pagas la kotizon de ................ kaj petas alsendon de la dokumentoj ; mi elektas

kiel premion de frupaginto numeron .................. : mi elektas kiel premion de Subtenanto : ........................

Loko kaj dato : ........................................................ Subskribo : ........................................................

Mia membronumero estas : ....................

*RIMARKO.* — Tiu-ĉi folio estu transdonota al la loka Delegito kun la sumo de la kotizo. Se loka Delegito ne estas, tiam sendu ĝin al la Ĉefdelegito, resp. Sekretario aŭ peranto, kies adreso estas montrita malsupre. Se ne estas tia en via lando, tiam pagu rekte al la Centra Oficejo en Genève.

## INFORMO
## pri varbado de nova membro

*(Transdonu tion al tiu, al kiu vi pagas la kotizon)*

Mi transdonas al vi la aliĝon de :

Membro — Membro-Abonanto — Subtenanto — Dumviva Membro — de S-ro S-ino F-ino ........................

Adreso : ........................................................ Loko : ........................................................

kaj pagas la kotizon de ................... al vi ........................................................

........................................................................................................

Varbinte tiun novan anon mi rajtas je premio kaj mi petas sendi al mi ........................................

Dato : ........................................................ Nomo : ........................................................

Adreso : ........................................................ Loko kaj lando : ........................................................